# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

**N-ro 80**

Bulteno de KAEM

Aŭgusto 2013

Retadreso de KAEM

azia-komisiono-de-uea-kaem@yahoogroups.com

(ne aliĝinte al la grupo, oni povas mesaĝi).

-----------------------------------------------------------------------------



KAEM-malferma kunsido. De maldekstre, vicprezidanto de KAEM s-ro Inumaru Fumio, nova estrarano de UEA s-ro LEE Jung-kee, landaj reprezentantoj de Nepalo, s-ro Bharat Ghimire, de Vjetnamio, s-ino Phuong Nguyen (Flama Floro) kaj de Mongolio, s-ino Jigjid Azjargal (Aza). (Raporto en la paĝo 5)

# Nova vento al Azio!

LEE Jung-kee (Ŝlosilo, estrarano de UEA)
esperanto@saluton.net 010-3340-5936
Skajpa nomo: leejungkee
Fejsbuko : www.facebook.com/jungkee
Seula Esperanto-Kulturcentro
www.esperanto.co.kr

Karaj aziaj esperantistoj,

Kiel nove elektita estrarano de UEA, mi salutas al vi dankante viajn subtenon kaj kuraĝigon.

Kun misio kaj respondeco, mi volonte akceptis la taskigitan laborkampon, nome 'azia movado' kadre de UEA.

La nova teamo de Mark Fettes ĵus lanĉis sian ŝipon en la Rejkjavika UK kun nova strategio (Konsciigo, Kapabligo, Komunumo kaj Kunordigo). Kiel unu el la teamanoj jen mi volas diri miajn opiniojn al karaj aziaj samideanoj por progresigi azian movadon.



Nova estraro de UEA. De maldekstre s-ro LEE Jung-kee, Barbara Pietrzak, Martin Schäffer, Mark Fettes, Stefan MacGill, Stefano Keller kaj José Antonio Vergara.

**Unue, KAEM devas plenumi sian gvidrolon en Azio**

Ĉu la movado en Azio sukcesos aŭ ne, tio dependas de vi KAEM. KAEM devas cerbumi kiel semi Esperanton en tiuj aziaj landoj, en kiuj ne troviĝas esperantistoj. Dume KAEM devas havi atenton kaj daŭran prizorgadon pri la landoj, en kiuj ĝermas Esperanto-semoj.

Per limigita buĝeto, kiamaniere vi prosperigos azian movadon, kio estas frontita tasko de nunaj KAEM-anoj? Neniam vi forgesu, ke la sorto de azia movado sidas sur la ŝultroj de KAEM-anoj.

Mi vidas, ke multe da farendaj kaj farindaj laboroj atendas la manojn de KAEM.

**Due, Ni aliĝu al UEA**

Laŭ la statistiko de revuo Esperanto (2013, aprilo), la nombro de individuaj membroj de UEA estas 5,046 personoj. Laste pro diversaj kialoj la nombro de UEA malkreskis. Se nuna fluo daŭros, pli kaj pli la nombro de UEA malgrandiĝos kaj fine UEA frontos je la sorto, ke ĉu ĝi povus ekzisti aŭ ne.

Mi vidas nunan situacion de UEA tre serioze. Por savi nian asocion, mi apelacias al aziaj esperantistoj, petante, ke ĉiuj aziaj esperantistoj aliĝu al UEA por fari nian asocion pliforta. Mi mem ekkampanjos varbi UEA-anojn en la naciaj kongresoj, japana, korea kaj ĉina kurantjare. Via aliĝo kontribuos al la tutmonda kresko de Esperanto kaj nature la voĉo de UEA laŭtiĝos en interncia neregistara mondo.

**Trie, Engaĝiĝu al mondskala movado.**

Laste en Rejkjaviko, la komitato de UEA kreis novan komisionon, kies nomo estas 'Konsilio' kaj kiu kunlaboros kun la nova estraro pri la plenumo de la Strategia laborplano de UEA.

En la komitata kunsido 14 junaj kaj veteranaj esperantistoj estis elektitaj, el kiuj nur troviĝas unu aziano, s-ro Trezoro Huang Yinbao el Ĉinio.

Por tutmondigi nian movadon, mi pensas, ke pli da azianoj devas aliĝi al la Konsilio. Mi vidas, ke baldaŭ estos ŝanco aldoni novajn konsilianojn, en tiu kazo mi nepre rekomendos plurajn aziajn aktivulojn al la komitato.

Bv, vi esti pretaj por aniĝi al la Konsilio de UEA. Tiele ni plifortigu nian movadon en Azio kaj enviciĝu en la mondskalan movadon.

Fine, mi atendas viajn opiniojn, proponojn kaj kritikojn por pliprogresigi nian movadon. Por nia movado, se vi havas bonajn ideojn, senhezite turnu vin al mi per fejsbuko, skajpe aŭ rete. Sukceson al vi.

**Farendaj laboroj por KAEM en 2013.**

1. Membro-varbado de UEA por 2014
2. Vigligi movadon en la centra azia regiono (Kirgizio, Kazaĥio, Uzbekio, Taĝikio)
3. Daŭra zorgado por indonezia movado
4. Subteno por sudazia renkontiĝo (Barato, Bangladeŝo, Srilanko, Irano, Pakistano, Nepalo)
5. Kunlaborigi sudorient-aziajn landojn (Vjetnamio, Kamboĝo, Laoso)
6. Semi en la landoj, en kiuj Esperanto ne estas semita (Birmo, Butano, Afganio)
7. Sisteme organizi movadon en Malajzio, Singapuro, Filipinoj
8. Donaci Esperanto-librojn al tiuj landoj, en kiuj mankas lernolibro kaj legolibro helpate de Esperanto-eldonejoj.
9. Kuraĝigi junularan movadon (Komuna Seminario inter Ĉina, Japana, Korea kaj Vjetnama Junularoj)
10. Subteno al regula kunveno de ISOA (ILEI-Seminario de Orienta Azio)

# Raporto de publika kunsido de KAEM

Kompilis Inumaru Fumio ĉefe surbaze de raporto de s-ro Sibayama Zyun'iti

*Inter 11h00 kaj 12h30, la 25-an de julio 2013, en la salono Dao Anh Kha
*Ĉeestis 33. Prezidis s-ro Inumaru Fumio, vicprezidanto de KAEM.
*Antaŭ la publiko sidis KAEM-ano aŭ ties anstataŭantoj, nome:
s-ro Bharat Kumar Ghimire (Nepalo), s-ino Nguyen Thi Phong (Vjetnamio), s-ino Azjargal Jigjid (Mongolio), s-ro Amri Wandel (Israelo), s-ino Min Hyeonkyeong (Koreio),

**(Saluta parto)**

* S-ro Martin Schäffer, la nova estrarano pri landaj agadoj, salutis.
* Disdoniĝis Jarlibro 2013 de KAEM, kiun kompilis s-ro Hori Jasuo.
* Inumaru enkondukis pri KAEM kun projekciitaj bildoj.
* S-ro Lee Jung-kee, nova estrarano kaj koreo, salutis, kaj esprimis intencon viziti Japanion por varbi UEA-anojn en la Japana Kongreso.

**(Raporta parto: 11h20)**

*S-ro Amri Wandel (Israelo) raportis pri la israela E-movado; i.a. pri la lasta 7a Azia Kongreso, eble kun eta profito.
*S-ino Azjargal Jigjid (Monogolio) raportis pri la mongola E-movado; i.a. ke en 2013, la estraro de Mongola Esperanto-Societo renovigis la estraron. Ŝi proponis, ke KAEM-anoj kunsidu en iu azia lando, ekzemple en Ĉinio aŭ en Mongolio.
*S-ino Nguyen Thi Phong (Vjetnamio) raportis pri la vjetnama E-movado; i.a. ke post la lastajara 97a UK, junularo aktivas en informado per retpaĝoj, trejnado per universitataj kursoj. Ŝi

menciis, kun projekciitaj bildoj parte, la projekton 126 de Vjetnama Esperanto-Asocio.

*S-ro Bharat Ghimire (Nepalo) raportis pri Nepala E-movado, i.a. ke la Himalaja Renkontiĝo en 2014 ne havos longan marŝadon kaj estas facile partoprenebla. Li, kiel membro de la Sud-Azia Komitato de KAEM raportis, ke la 1a Sudazia Seminario sukcesis en Nepalo, kaj la 2a okazos en Pakistano en 2014, kaj ke li instruos E-on en Bangladeŝo. Cetere, li instruis en Filipinaj Insuloj antaŭ kelkaj jaroj, sed ne estis daŭro tiea.

*S-ino Heidi Goes (por Indonezio) raportis, ke en 2013, la unua Indonezia Kongreso okazis, kaj Indonezia Esperanto-Asocio estis starigita.

* S-ino Min Hyeonkyeong (Koreio) raportis, kun disdonita resumo, ke Korea E-Asocio havas 236 membrojn, posedas oficejon, eldonas "La Lanterno Azia" kaj klarigis pri organizado, kursoj kaj la 45a Korea Kongreso de Esperanto.

*S-ro Inumaru Fumio (Japanio) raportis kun projekciitaj bildoj, pri la japana movado, kaj rakontis malfacilan situacion, ke el 45 kursoj en la lasta jaro, 5 kursoj ne povis akiri kursanon.

*S-ino Syozi Keiko (Japanio) raportis pri la baldaŭa 100-a Japana E-Kongreso.

*S-ro Amri Wandel aldonis, ke li havis kontakton kun e-isto en Birmo (Mjanmaro).

*S-ro Usui Hiroyuki (japano loĝanta en Ĉinio) raportis, ke ĉi-jarfine okazos la Komuna Seminario en Ĉinio, kvankam ties detalo ankoraŭ ne anonciĝis.

S-ino Nguyen Thi Phong rimarikigis, ke ĝiaj fruaj decido kaj informado dezirindas.

*S-ino Mirejo Grosjean (Svisio) opiniis subtene al la KS.

**(Diskuta parto: 12h05)**

*s-ro So Gilsu (Koreio) kritikis, ke ĉi tie mankas ĉinoj, kiuj jam forlasis la UK-ejon.

*S-ro Mamija Midori (Japanio) levis demandon, kio estas la origina celo de KS, ke ĝi devas esti loko por agadi trans politikaj diferencoj kaj proponis starigi ĉefan temon diskutendan dum KS. S-ro Usui rimarkigis, ke oni fiksis tian temon dum fruaj KS-j.
*S-ro Wandel klarigis iniciaton ekorganizi la unuan KS-n.
*S-ino Goes prezentis sian intencon viziti kaj okazigi kursojn en Orienta Timoro kaj Balio en 2014.
*S-ro Robert Moerbeek (Nederlando) proponis, ke eŭropanoj deziras korespondi kun azianoj kaj dezirindas aranĝo por faciligi la korespondadon.

**(Konklude)**

13 el 33 ĉeestantoj plenaj en la ĉambro klarigis pri movado en sia lando aŭ esprimis sincere sian opinion pri nia movado dum daŭro de 90 minutoj da la kunsido. Ni povis aŭskulti diversajn utilajn informojn kaj menciojn.

**(Aldono)**

Mi volus mencii en tiu raporto unu direkton de nia azia movado, kiun mi klarigis dum mia enkonduko pri KAEM. Tio estas regionaj renkontiĝoj kaj kunlaboro inter najbaraj kaj proksimaj landoj. Mi opinias, ke tiaj rimedoj ege efikos en nia Azio, kiu estas vasta geografie kaj diversas kulture, lingve, religie, ekonomie kaj politike. Okazos la 2a Sud-Azia Seminario kaj la 11a Himalaja Renkontiĝo en Suda Azio. La 32a Komuna Seminario (KS), la 4a ILEI-Seminario en Orienta Azio (ISOA), la 7a E-Kongreso de Nordorienta kaj Interna Mongolio (EKNI) kaj aliaj en Orienta Azio. Sukcesis la subteno de gesamideanoj en najbara Aŭstralio al la indonezia Movado.

(INUMARU Fumio)

# Fermita kunsido de KAEM

Du tagojn antaŭ la publika kunsido de KAEM marde la fermita kunsido okazis inter 11:10 kaj 12:40 en la salono Broadribb en la 23a dum la 98a UK en Rejkjaviko. Ĉeestantoj estis du KAEM-anoj el Ĉinio kaj Japanio, kvar anstataŭantoj el Koreio, Vjetnamio, Nepalo kaj Israelo, estrarano de UEA, honora prezidanto de KAEM kaj observantoj el Koreio, Nepalo kaj Japanio. Disdoniĝis tagordo de la kunsidoj, Jarlibro 2013 de KAEM kaj n-ro 79 de Esperanto en Azio. Sub la prezidanteco de la prezidanto s-ro Wang Ruixiang, vic-prezidanto s-ro Inumaru Fumio antaŭenigis konsiliĝon pri laborplano, traktendaĵoj kaj solvendaj problemoj. Listo de traktendaĵoj estis projekciataj.

La temoj estis jenaj; projektoj de KAEM, task-divido, administrado, kongresoj kaj regionaj renkontiĝoj, la bulteno Esperanto en Azio, kunsidoj por KAEM-anoj, celoj por 2013, progresigo de kunlaboro inter najbaraj kaj proksimaj landoj, semado en landoj de malforta movado, kunlaboro por Indonezio kaj tiu por mez-orientaj landoj.

La temoj estis abundaj kaj tempo mankis. Ni traktis ilin ne ĉiujn profunde. Anstataŭantoj donis instigajn sugestojn; posteno de KAEM-anoj, sekvontaj Aziaj Kongresoj kaj junulara movado.

KAEM okazigis kunsidojn dum Universalaj Kongresoj kaj Aziaj Kongresoj. Tio estas valola okazo konsultiĝi vid-al-vide. Sed la venonta Azia Kongreso okazos en 2016 post tri jaroj. La venonta UK okazos en fora Argentino en 2014. Mi timas, ke ne multaj KAEM-anoj kolektiĝus tie same kiel en ĉi-foja kunsido. Krome kvin KAEM-anoj el 11 estas novuloj, inkluzive de mi. Ni devas konkeri tian malfacilaĵon je administarado de KAEM.

Ĉeestintoj; estraro de UEA: s-ro Lee Jung-kee, honora prezidanto: s-ro Hori Jasuo, anoj de KAEM: s-ro Wang Ruixiang (prezidanto) kaj s-ro Inumaru Fumio (vic-prezidanto), anstataŭantoj: s-ino OH Soon-mo (Koreio), s-ino Nguyen Thi Phong (Vjetnamio), s-ro Bharat Kumar Ghimire (Nepalo) kaj s-ro Armi Wandel (Israelo), observantoj: s-ino Min HyeonKyeong, s-ino Indu Devi Thapaliya kaj s-ino Tahira Masako.

Raportas INUMARU Fumio

## Srilanko




Eldoniĝis "Esperanto-Sinhala Vortaro" dank' al la granda laboro de s-ro Zeiter Perera zeiter.espero@gmail.com kun gratulmesaĝoj de eksaj UEA-prezidanto s-ro Probal Dasgupta kaj KAEM-prezidanto s-ro LEE Jung-kee. Ŝajnas, ke tiu vortaro jam eldoniĝis en 2011.

La Unua Srilanka Esperanto-Kongreso okazos en kolombo, Srilanko, la 6an-8an de decembro 2013. Apero de tiu ĉi vortaro certe antaŭenigas la movadon en Srilanko.




**Dato: la** 12-a, 13-a, 14-a kaj 15-a de oktobro 2013

**Kongresejo**:

Turo-Halo Funabori *(Tower Hall Funabori)*, Kvartalo *Edogawa*, Tokio

**Kongresa Temo:** Esperanto ligas homajn korojn --- de la pli ol 100-jara historio al estonteco

## Ĉefaj programeroj

**10/12 (Sabate)** 1. Junuloj, 2. Publika enkonduka kurso, 3. Komencantoj, 4. Ekzameno de JEI, 5. Inaŭguro, 6. Bankedo, 7. Muzika programo

**10/13 (Dimanĉe)** 1. Komencantoj, 2. Fakkunsidoj, 3. Prelegoj de eksterlandanoj, 4. Prelego de Ossaka-premiito, 5. Publika prelego (Temo: Esperanto en Japanio, Japanio en la Esperanto-movado: lerni de historio por estontaj perspektivoj, prof. Gotoo Hitoŝi, s-ro Ullich Lins, prof. Kimura Goroo Christoph), 6. Publika koncerto

**10/14 (Lunde)** 1. Prelego de Osmo Buller pri UEA, 7. Kunsido de Esperanto-societoj, 8. Komencantoj, 9. Fakkunsidoj, 8. Prelego de Osmo Buller pri Gustav Ramsted, 9. Prelego de Harpern Jack, 10. Koncerto de JoMo, 11. Azia Agado, 12. Amika Vespero

**10/15 (Marde)** 1. Kanto, 2. Belarto, 3. Fakkunsidoj, 4. Fermo, 5. Ekskurso al Tokyo-Sky-Tree

* Aliĝintoj jam superis 500. Multaj eksterlandanoj jam aliĝis.
* Detalojn vi vidu en http://jek100.esperas.info/

# La 45a Korea Kongreso de Esperanto

Korea Esperanto-Asocio (KEA) okazigos la 45-an Korean Kongreson de Esperanto inter la 26a kaj la 27a de oktobro 2013 en Junulara Trejnejo en la urbo Incheon. KEA invitas esperantistojn enlandajn kaj eksterlandajn kun buntaj programeroj.

**Temo:** Esperanto kiel dumviva lernado
**Dato:** 26 (sab.) ~ 27 (dim.) oktobro 2013
**Kongresejo:** Junulara Trejnejo en la urbo Incheon
(http://www.insiseol.or.kr/institution_guidance)
**Organizanto:** Incheon-filio de Korea Esperanto-Asocio

**Programo**
10/26 Malfermo, Fakaj kunsidoj, Kongresa Universitato, Malferma ceremonio, Interkona vespero, Aŭkcio
10/27 Fakaj kunsidoj, Simpozio, Memorfoto, Ferma ceremonio

**Postkongresa ekskurso en Incheon-Parko**
Malantaŭ la kongresejo Junulara Trejnejo disvolviĝas vasta ĝardeno kun malgrandaj marĉoj laŭlonge de rivereto. Kaj post 10 minutoj da promenado laŭ apudvojaj arboj tra la ĝardeno troviĝas la 'Incheon-Parko'.

**Demandu pri la kongreso al KEA**
Adreso: 1601 Gangbyeonhansin Core B/D., 350 Mapo-dong, Mapo-gu, Seoul 121-703 Koreio
Retadreso: kea@esperanto.or.kr
TTT-ejo: http://www.esperanto.or.kr

……………………………………………………………………

Gratulon! *Korea Esperanto-Asocio eldonis la 300an numeron de sia organo, La Lanterno Azia, en junio.

# Raporto pri La 7-a Azia Kongreso en Israelo

La 7-a Azia Kongreso de Esperanto okazis la 18an - 22an de aprilo en Jerusalemo. Tri jarojn pli frue, kiam Israelo invitis la kongreson, la reago de pluraj aktivuloj de KAEM estis "Israelo ja troviĝas en Eŭropo, ĉu ne?" Tamen, dum la 6-a Azia Kongreso en Mongolio en 2010, KAEM oficiale decidis okazigi sian sekvan Kongreson en la jaro 2013 en Israelo.



La bezono informi al la tuta Esperantujo spronis la rapidan konstruon de nova retejo kun aparta paĝo por la kongreso (http://www.esperanto.org.il/ak2013.html). Iom post iome akumuliĝis tie informoj pri la Azia Kongreso: unua kaj dua bulteno, turisma programo, reta aliĝilo kaj listo de aliĝintoj. Entute aliĝis ĉirkaŭ 160 personoj, del 26 landoj, inter ili la plej grandaj grupoj venis de Israelo (62), Japanio (20) kaj Ĉinio (14). La ĉina delegacio

ankaŭ estis gvidita de la plej altranga kongresano – vicministro en la ĉina registaro.

La kongresa programo estis tri-parta: en la mateno ĝis la posttagmezo – ekskursoj en kaj apud Jerusalemo, ĝis la vespermanĝo – kleriga programo (prelegoj) kaj post la vespermanĝo – arta kaj distra programo.

En la inaŭguro salutis la vicurbestro pri kuturo kaj arto; estis legita la saluto de la prezidanto de UEA kaj parolis la eliranta kaj novelektita prezidantoj de KAEM.

En la kleriga programo estis prelegoj pri tre variaj temoj – i.a pri infanedukado en Vjetnamio, ĉina opero, la cunamo-katastrofo en Japanio. Okazis debato pri la paco en la Mezoriento, gvidita de Renato Corsetti kaj prelegoj pri moderna pentrado en Israelo.

Kiel distra teamo estis kontraktitaj Kajto, kaj denove JoMo, kiu sukcesege koncertis en la pasintjara Israela Kongreso. En la arta programo ĉefrolis la mirindaj Kajto kaj JoMo, kiuj kantigis kaj dancigis la kongresanojn de ĉiuj aĝoj. Krome aperis israelaj danc-grupoj, orienta (ventro-) danco kaj eŭritma dancado. Plej vigla kaj riĉa estis la internacia vespero, kiu estis tute spontanea.

Aldone al la kleriga kaj arta programeroj de la kongreso, la partoprenantoj povis partopreni 4-tagan antaŭ-kongreson en la norda parto de Israelo, duontagajn ekskursojn en Jerusalemo kaj apude dum la kongreso, kaj 5-tagan postkongreson en la suda parto.

Antaŭ la kongreso ĉirkaŭ 30 personoj partoprenis la 4-tagan ekskurson al Jafo, Haifa, Akko, Nazareto kaj Lago de Galileo.

Post la kongreso ĉirkaŭ 30 kongresanoj partoprenis 5-tagan ekskurson al Jeriko, La Morta Maro, Masada, Eilat, la Ruĝa maro kaj al Petra, la nabatea antikva urbo en Jordanio.

La dumkongresa ekskursa programo konsistis el kvar ekskursoj en Jerusalemo: la okcidenta apudurba regiono – la holokaŭsta muzeo Yad Vashem kaj la araba vilaĝo Abu Goŝ, kie oni gustumis la plej bonan orientan manĝon, la orienta apudurba regiono – Oliva Monto kaj natura promeno en la rivero Kelt, la antikva Jerusalemo –

la Templa Monto, la Tomba preĝejo kaj la Lamenta Muro, kaj la moderna Jerusalemo – la Kneset (parlamento) kaj la Israela Muzeo.

Tiu turisma programo reflektis ankaŭ la kongresan temon: "ekologio de paco – kunvivado de homo, medio kaj naturo".

Organizis Amri Wandel (Kongresejo, Gastejoj, Programo, Informado, Transportado, Ekskursoj dum la kongreso, Postkongreso), Jehoshua Tilleman (Kasisto, invitleteroj, Antaŭkongreso), Tsvi Sadan (retejo, aliĝoj), Gila Wandel (loĝigo).
Fotoj: Koncizan bildaron (84 fotoj) de la Azia Kongreso kaj Postkongreso
https://picasaweb.google.com/104206151883892331911/AziaKongresoDeEsperantoIsraelo2013 pliaj fotoj kaj raportoj fine de la kongresa retpaĝo menciita ĉi-supre.

Amri Wandel

# Barato

## Invito al la 9a landa kongreso de Federacio Esperanto

La 26an kaj 27an de oktobro 2013, la Federacio Esperanto de Barato (FEB) organizas la 9an Baratan Kongreson, kunlabore kun la Germana Kulturcentro en la urbo Hajderabado. La kongresa temo estas "Esperanto en Barato: eblecoj kaj defioj". Ni antaŭvidas viglajn debatojn kaj buntan kulturpragramon.
Ĉiuj estas invititaj!

La retejo estas barato.50webs.org. Ĝisdatigoj pri la BK aperos en la paĝo "9a Barata Kongreso de Esperanto" ĉe facebook.com. Por pli da informo, kontaktu s-ron Giri RAO agiridhar.rao@gmail.com.

# Adiaŭon al s-ino Esti Saban



**1963-2013**

**Vigla multjara kunlaboranto de la israela Esperanto-movado**

**Amata de ŝiaj multaj geamikoj en tuta Esperantujo**



Nin doloregas la forpaso de Esti Saban, nia kara kaj energiplena amikino kaj fervora s-anino. Longtempe ŝi aktivis kiel estrarano de ELI kaj ĝia reprezentanto en KAEM.

Apenaŭ unu jaron post la foriro de Josi, ELI kaj multaj esperantistoj en la tuta mondo, kiuj konis kaj amis ŝin, perdis plian mirindan personon, ĉiam aktivan, optimisman, helpeman, ŝatatan de ĉiuj. Post longa lukto la malsano fine venkis, sed preskaŭ ĝis la lasta momento Esti provis kiel eble plej multe helpi kaj kontribui, eĉ en la organizado de la Azia Kongreso, en kiu ŝi mendis ĉambron, kiu bedaŭrinde restis malplena, ĉar ŝia sanstato ne plu permesis vojaĝi. Jen parto el ŝia adiaŭa letero al la estraro de ELI, en kiu ŝi agadis dum multaj jaroj:

“Pro mia sanstato kaj la longa foresto de la kunsidoj mi demisias de la estraro de ELI..... Ĉiam post organizado de konferenco [la Azia Kongreso] (kaj mi fieras ke mi respondecas almenaŭ pri ĝia venigo al Israelo) estas sento de falo sed mi estas certa, ke ni eltiros la konkludojn kaj pliboniĝos.... Adiaŭas kaj ne adiaŭas, brakumon por ĉiuj Esti aŭ ne Esti [vortludo pri ŝia E-karesnomo, "Esti aŭ ne"]” kaj nun Esti ne plu Estas kun ni.

*En la Azia Kongreso en Mongolio, ŝi estis la reprezentanto de Israelo kaj invitis la 7an AK-n al Israelo.

# Vjetnamio

## Freŝaj novaĵoj pri ĝemeliĝo inter Dong Da kaj Choisy-le-Roi

La oficiala ĝemeliĝo inter Dong Da distrikto (Hanojo, Vjetnamio) kaj Choisy-le-Roi (Val-de-Marne, Francio) administracioj estiĝis delonge. Konkretiĝinte tiun ĝemeliĝon la 18an de majo 2012, la esperantistoj loĝantaj en Hanojo de Dong Da distrikto okazigis ĝemeliĝan ceremonion kun esperantistoj de Choisy-Le-Roi.




La 9an de januaro 2013, okaze de la 40-a datreveno de la subskribo de la Parizaj Interkonsentoj, markintaj la finon de la milito en Vjetnamio (1973), s-ro Daniel Davisse, urbestro de Choisy-le-Roi deklaris la jaron 2013 "Jaro de Vjetnamio en Choisy-le-Roi". Ankaŭ en ĉi tiu jaro, Choisy-le-Roi organizis multajn aliajn aktivecojn kiel inaŭguron de la Placo "Parizaj Interkonsentoj", straton nomatan "Dong Da" en restadeja areo lokita

borde de la rivero Sejno en Choisy-le-Roi. Esperantistoj el Dong Da sendis salutleteron al la urbestro de Choisy-le-Roi pri tiu evento.

Responde al la bonsento de la francaj amikoj, Hanoja Esperanta-Asocio (HANEA) decidis rebapti unu el siaj sekcioj, la sekcio UNESPE en Dong Da Esperantista Sekcio (DODESPE), grupigante ne nur esperantistojn loĝantajn en la distrikto Dong Da mem, sed ankaŭ ĉiujn esperantistojn dezirantajn amikiĝi kun francaj esperantistoj. Por memorigi tiun eventon, la 12an de aŭgusto 2013, la Prezidanto HANEA kun ties komitatanoj kaj aliaj reprezentantoj de la Asocio kun la esperantistoj loĝantaj en Dong Da fotiĝis antaŭ la monumento honore al Quang Trung (la heroo de la Dong Da venko en 1789).

Poste, ili veturis al la Parko "Paco", kie estis plantita la arbo Zamenhof okaze de la UK-97, lastjare en Hanojo. Estas mirinde, ke la arbo tiel rapide kaj bele kreskis. La ekskurso okazinta en sunplena posttagmezo alportis ĝojon al ĉiuj kaj speciale al DODESPE sekcio. Informada komisiono de VEA

# Pakistano

## Okazos la Dua Sudazia Seminario

Por ke vi ekkonu pakistanajn esperantistojn kaj Pakistanon, la Dua Sudazia Seminario okazos en historia fama urbo nomata Lahore, Pakistano, de la 25a februaro ĝis la 1a de marto 2014.

Tiuj kiuj volas kuraĝigi la pakistanan movadon bv. partopreni aŭ subteni ĝin morale.

Kontaktpersonoj:

(1) Tariq Umar Chaudhry, Ĉefdelegito de Pakistana Esperanto-Asocio (PakEsA). tariqumarch@hotmail.com.

(2) Shabbir Ahmad Sial (Prezidanto de PakEsA), pakesa_prezidanto@yahoo.com

(3) Adeel Butt (Asista Sekretaro de la Sudazia Komitato) adeelbutt@gmail.com

# Indonezio




## Raporto de E-kampanjo en Indonezio

Rilate al la komuna kampanjo ĉirkaŭ la Rejkjavika UK kaj la Esperanto-tago jam okazis propagando pere de amaskomunikiloj iniciatita de E-kluboj en diversaj urboj, kiel Ĝakarto, Batam kaj Bandung.

En Ĝakarto la klubanoj faris kampanjon en loka radio, I-radio 89.6FM je la 5a de junio kaj loka televido, DAAI TV en la 23a de junio. La mallonga filmo de tiu televidprogramo estas trovebla ĉe youtube: http://www.youtube.com/watch?v=AoZcKNWxBuI.

La Ĝakarta-E-klubanoj ankaŭ faris surlokan E-kampanjon en la publikaj spacoj, kie homoj kutime kuniĝas kaj faras komunan agadon. La ĉefagado de la kampanjo estas disdoni faldfoliojn al la publiko, starigi simplan budon kun E-informado, fari kvizon kun interesaj premioj kaj grupfoton. Post kiam ili trovis taŭgan lokon por starigi budon, ili tuj komencis la laboron. Ĉiuj klubanoj jam havas faldfoliojn en la manoj kaj disdonis al tiuj, kiujn ili renkontis.

Kelkaj homoj interesiĝis havi pli da informoj kaj la E-klubanoj pretis respondi iliajn demandojn.

En Batam E-grupanoj propagandis Esperanton per loka radio, Zoo FM en la 21a de junio dum la vespera programo. Ili parolis pri la temo de la ĉi-jara Esperanto-Tago, Lingva Justeco. Intertempe en Bandung kelkaj klubanoj faris kampanjon per nacia radio, 96.0FM RRI-Pro2 en la 29a de junio. Ili parolis en la anglalingva programo.
La celo de ĉi tiu agado certe estas komuniki al la publiko pri Esperanto ĝenerale kaj ankaŭ temis pri la Esperanto-Tago kaj ĝia temo. Ni ŝatus konsciigi la publikon, ke ekzistas internacia lingvo por forigi la lingvan baron en la homaro kaj konstrui bazan interkomprenon per komuna lingvo. Fakte tiu ideo ne estas nova por nia publiko, ĉar ni uzas la indonezian lingvon kiel komunan lingvon inter multaj tribaj lingvoj. Ilia Sumilfia

Dewi ilia.dewi@gmail.com

## Indonezio: novaĵoj en retejoj (Heidi Goes)

Se vi interesiĝas pri Esperanto en Indonezio vi povas nun legi multajn novaĵojn ĉi tie:
https://sites.google.com/site/esperantoenindonezio/blogo/novajoj.

Raporto pri mia decembra vizito al Indonezio: https://sites.google.com/site/esperantoenindonezio/instruado/decembro2012raporto.

Teksto pri mia sekva vizito al Indonezio, Malajzio kaj Orienta Timoro: https://sites.google.com/site/esperantoenindonezio/instruado/marto-aprilo2013/anonco.

Pri kiel helpi, kontribui ktp. ĝenerale: https://sites.google.com/site/esperantoenindonezio/subteno,
por la kongreso: https://sites.google.com/site/iek2013bogor/subteno,
al instruvojaĝoj:
https://sites.google.com/site/esperantoenindonezio/subteno/instruado.

# Mia instruvojaĝo en Indonezio

Tatjana Loskutova (Ivanovo, Rusio)

Ankoraŭ en 2010 mi intencis veturi al Indonezio, tamen mia unua «invado» efektiviĝis nur sekvajare, julie/aŭguste 2011. Tiam laŭ la plano, kompilita de indoneziaj geesperantistoj, mi instruis en 5 urboj de la insuloj Javo kaj Sumatro (Bandung, Yogyakarta, Malang, Ĝakarto, Medan).

Ne hazarde mi elektis Indonezion por la vica malkovro de Azio, mondoparto, kiu pro diversaj kialoj altiras min pli kaj pli. Indonezio estas lando de varia pejzaĝo, tutjare varma klimato (rusianoj kaj alilandanoj, kiuj spertas malvarman vintron pli longe, ol someron, bone komprenas min ;-), eksterordinaraj flaŭro kaj faŭno, amaso da gentoj kaj kulturoj, lando plena je mondsignifaj historiaj monumentoj. Tamen ne nur ekzotikeco logis min al Indonezio, sed ankaŭ deziro helpi al lokaj geesperantistoj integrigi kaj disvastigi la Internacian Lingvon en socian kaj kulturan vivon de la lando.

Unuavide, Indonezio kaj ĝia popolo mirigas min per sia afableco, malkaŝemo kaj gastigemo. Indonezianoj ridetas konstante. Tiuj-ĉi ridetoj estas sinceraj kaj tutkoraj, al kiuj oni rapide alkutimiĝas. Infektite de ĝenerala atmosfero, mia animo ankaŭ komencis konstante rideti. Certe, rideto tre faciligas interkomprenon, precipe se oni ne havas komunan lingvon…. Vojaĝante tra Indonezio, lando kun pli ol 240 milionoj da enloĝantoj, mi havis okazon veturi enurbe per luksaj taksioj kaj tre primitivaj minibusoj («tuk-tuk»), per interurbaj malrapidegaj trajnoj kaj komfortaj aŭtobusoj kun personaj plejdoj kaj kusenetoj, interinsule per pramoj kaj modernaj aviadiloj. Iuj momentoj estis novaj kaj nekutimaj, sed ĉiufoje tre interesaj. Kvarsemajna restado en 2011 permesis al mi konatiĝi kun multaj indonezianoj kaj iliaj familianoj, iom kompreni ilian kulturon kaj vivmanieron.

Mi revenis al Indonezio januaron 2013. La planita partopreno de kelkaj indonezianoj en UEA- kaj IJK- kongresoj en Vjetnamio

plivigligis kaj hardigis ilin kiel verajn E-agantojn. Tiam, dumkongrese, kelkaj geesperantistoj insiste petis min denove veni al Indonezio por E-instruado. Pluse, instigis min al nova E-invado al la insularo tio, ke pli ol duono de indoneziaj kongresanoj estis miaj gelernantoj el Ĝakarto kaj Bandung. Do, ĉi-foje mi havis jam malpli da komunikproblemoj: en ĉiuj tri loĝlokoj, kiujn mi vizitis (Ĝakarto, Bandung kaj Batam) jam aperis geesperantistoj, kiuj relative bone parolas la internacian lingvon kaj kiuj komencis mem instrui. Tamen, necesis helpi al ili perfektiĝi en E-scioj, klarigi instrumanierojn kaj metodojn, lanĉi instruadon en novformitaj E-grupoj.



Jam aŭtune 2012 mi komencis kompili planon de ĉi-vojaĝo. Geesperantistoj el Bandung kaj Batam, kun kiuj mi konstante retkontaktis, daŭre esprimis deziron organizi novajn E-kursojn. Tamen, mi ŝatis instrui ankaŭ en Ĝakarto. Bedaŭrinde, reeĥis nur reprezentantoj de Gunadarma-Universitato (Ĝakarto/Depok). La plano de la vojaĝo estis afiŝita en la retpaĝo de Facebook:

http://www.facebook.com/groups/EsperantoIndonesia/permalink/10151167891866249/

En la Gunadarma-Universitato E-kurson por komencantoj organizis jam konataj al mi la vicrektoro pri scienco de la universitato s-ro Ravi Ahmad Salim kaj la juna instruistino Hera Agustina. La E-kurson por komencantoj partoprenis ĝis 10 personoj (gestudentoj kaj geinstruistoj). La kurson por progresantoj (sabatan antaŭtagmezon) partoprenis ĝis 15 personoj, kelkaj el ili - miaj gelernantoj de 2011.

La unuan dimanĉon de mia restado Hera proponas viziti malnovan centron de la indonezia ĉefurbo Ĝakarto. Ni preterlasas kelkajn plenŝtopitajn apudurbajn elektrotrajnojn, en kiuj homoj pendas je piedbretoj kaj eĉ sidas sur tegmentoj de vagonoj. (NB. Necesas mencii, ke en certaj trajnoj ekzistas vagonoj nur por virinoj: en simila vagono ni veturis revene.) Atinginte la celon, la placon Taman Fatahila, ĉirkaŭitan de malnovaj konstruaĵoj, ni vizitas du muzeojn situantajn unu apud la alia: historian kaj pupan. La lasta impresas per aro da pupoj de diversaj popoloj, inter kiuj elstaras indoneziaj Vajang-oj, multnombraj kaj diverskoloraj. Dum la antaŭa alveno mi konatiĝis jam kun kelkaj vidindaĵoj de la ĉefurbo. En t.n. nova centro de la urbo, la placo de Libereco, altiĝas la 132-metra Nacia monumento Monas, giganta konstruaĵo simbolanta potencon kaj nacian sendependecon. Interne de ĝi troviĝas nacia muzeo de Indonezio kun unikaj historiaj kaj etnologiaj kolektoj. Ekster limoj de la historia kaj la afera centroj la urbo aspektas iom triste: multas malriĉaj kvartaloj, malpureco, malfermitaj defluigaj kanaletoj, sufoka atmosfero ktp.

3-hora busveturo sud-okcidenten de Ĝakarto kaj jen mi atingis la urbon Bandung. En 2011 Bandung estis la unua urbo, al kiu mi venis por E-instruado en akompano de Desmond S. Andrian, oficisto de la Muzeo de Azia-Afrika Konferenco, respondeculo pri E-kurso. Ĝuste tie, en la Muzeo, atendis min la plej granda grupo de E-lernantoj.  Dutaga (de mateno ĝis vespero) E-kurso estis tre

intensa. Subtene de la estro de la Muzeo 30 gejunuloj eklernis Esperanton. Mi devis instrui rektametode, ĉar mankis esperantoparolantoj en la urbo. Malgraŭ tiama kurta restado en Bandung la organizantoj de la E-kurso trovis eblecon la lastan vesperon veturigi min al belega koncerto de nacia muziko kaj danco kaj vizitigis al mi iom jam noktiĝintan urbon.

Ĉi-foje en Bandung mi instruis en du lokoj:

1) en Pasundan-universitato, en la fakultato pri internaciaj rilatoj kaj politiko. La enkondukan prelegon pri Esperanto helpe de PowerPoint-prezentado (tradukon al indonezia lingvo efektivigis studento de la fakultato, mia E-lernanto, Iyan Septiyana) partoprenis ankaŭ dekano kaj respondeculoj de la fakultato. La estraro de la fakultato tre favore rilatas al E-lernado de siaj gestudentoj kaj esperas je daŭra E-kurso. La E-kurson por komencantoj/jnululoj dum 2 tagoj de la 9a h. ĝis la 17a h. sekvis ĝis 45 gestudentoj.
2) en la Muzeo de Afrika-Azia Konferenco dum 2 tagoj okazis E-kurso por progresantoj, kiun partoprenis ĝis 14 personoj. La E-kurson en la Muzeo gvidas alia mia E-lernanto de 2011 Fadil Poeta, jam sufiĉe bone reganta la lingvon, la 26-jara serioza junulo, filmisto laŭ sia profesio. La duan tagon posttagmeze okazis kunveno, kiun ĉeestis 5 gejunuloj-aktivuloj de la Muzeo kaj dum kiu estis traktitaj certaj aspektoj de E-instruado kaj de E-aktivado. Ĝojige, ke ĝuste ĉi-tie en 2011 formiĝis kerno de junaj E-aktivuloj, kiuj strebas integrigi Esperanton en laboron de la Muzeo.

Notindas, ke la Muzeo funkcias sub la aŭspicio de la Ministerio pri eksterlandaj aferoj kaj ĝiaj oficialuloj s-ro Desmond S. Andrian, la respondeculo pri E-aktivado, kaj la novpostenita estro de la Muzeo s-ro Thomas Siregar, kiuj forte subtenas E-instruadon kaj E-lernadon.

Dimanĉon antaŭ mia forveturo el Bandung la estraro de la Muzeo organizas por mi peraŭtan ekskurson al la montara lago

Situpatenngang kun la akompano de 4-opo de miaj gelernantoj. Tamen vetero ne tre favoris al promeno: pluvis kaj malvarmetis. Eble oni dubos, sed (ĉi-tie, ĉeekvatore !!!) mi vere spertis fizikan malkomforton en la Bandung-regiono pro ĝia relative alta situo super nivelo de la maro. Ĉe la lago, ĉirkaŭ kiu ni longe promenis, blovis sufiĉe forta vento. Pro tio ni ne kuraĝis navigi sur boato, al kiu invitis insiste ĝia posedanto. Tamen ĉirkaŭlaga panoramo estas majesta: sur deklivoj kreskas senlimaj tearbustoj, en apudeco – varmaj fontoj. Ĉio-ĉi altiras multajn indonezianojn al tiu ripozinda loko. En loka bazaro ni renkontis virinon, kiu estis vestita en peltmantelo: similajn oni surmetas dumvintre en Rusio! Nekredeble! Mi ne preterlasis okazon foti la virinon kaj ŝian vestaĵon. Revenante ni haltas por tagmanĝi en ĉeranda manĝejo, siaspeca restoracieto, en kiu oni povas manĝi ĉetable aŭ surplanke, surtapiŝe. Mendita fruktosuko estas pretigata el fragoj, kiuj kreskas tuj apude, en la ĝardeneto de manĝejestro.

Post preskaŭ 2-hora flugo de Bandung al Batam, unu el ĉirkaŭ 20 mil insuloj de la lando, mi trafas al norda Indonezio, proksime al Singapuro. Tie E-kursoj por komencantoj okazis en 2 lokoj tri fojojn tage po 2 horoj dum 4 tagoj: por gejunuloj en la protestanta preĝejo kaj en la Riau-Kepulauan-universitato (Unrika) por oficistoj kaj instruistoj (sume ĝis 50 personoj). Vera surprizo atendis min ĉe la enirejo de Unrika: supre pendigita blankkolora rubando kun mia nomo el verdaj literoj salutis min! Jam vesperon de la tago de mia alveno mi prelegis al universitatanoj pri Esperanto pere de komputila prezentado kaj helpe de loka esperantistino Sabrina LiaR KnighT. Sekvis demandoj kaj sekvataga E-kurso. Aldone okazis ankaŭ duhora E-instruado por infanoj en la lernejo, kie direktoras kaj instruas Sabrina. Bonŝance Sabrina stiras motorciklon, tial ni senprobleme veturis tra la insulo de unu loko al alia, de unu E-kurso al alia kelkfoje dumtage. La lastan tagon Sabrina vizitigas al mi la urbon/insulon. Sub varmega suno ni promenas ankaŭ laŭ marbordo,

de kiu videblas ĉiuhore navigantaj ŝipetoj: ja tuj post monteto troviĝas Singapuro....

Por efika E-instruado en Indonezio mi pretigis E-materialon en formo de PowerPoint-prezentadoj kaj venigis iom da rusiaj E-legolibroj por komencantoj kaj progresantoj, kiujn mi donacis al organizantoj de E-kursoj por iliaj grupoj. Ankaŭ mi disponigis al ili kopiojn de ĉiuj komputilaj prezentadoj, same kelkajn E-videojn. Al la organizantoj de E-kursoj  en Batam kaj en la Muzeo (Bandung) mi donacis «La Universala Lingvo», novan dokumentan filmon (DVD) de Oskar-premia nomumito Sam Green.

Konklude mi povas diri, ke entute la vojaĝo al Indonezio estis sukcesa: la organizantoj de E-kursoj serioze kaj respondece prepariĝis: en ĉiuj lokoj eblis uzi komputilojn, projekciilojn, ekranojn dum instruhoroj, estis organizitaj renkontiĝoj kun oficialaj reprezentantoj de universitatoj kaj estis kunvenigita sufiĉa kvanto da gejunuloj, kiuj sekvis E-kursojn.

Tamen, lokaj geesperantistoj daŭre bezonas lingvan spertiĝon kaj diversflankan subtenon. Mi ege esperas, ke okazonta aprile la unua E-kongreso (nenia E-organizo nun ekzistas en Indonezio depost 1965) estos fruktodona kaj iĝos signifa puŝo por daŭrigo de E-lernado kaj aktivado, evoluigo de organizota E-movado. Tion mi forte deziras al nunaj kaj estontaj indoneziaj geesperantistoj!

# Orienta Timoro

## Raporto pri mia instruvojaĝo en Orienta Timoro

Heidi Goes <heidi.goes@gmail.com>

En marto 2013 mi vizitis Orientan Timoron cele al enkondukado de Esperanto. La 'nova lando' en la titolo referencas al tio ke ĝi estas nova lando por Esperanto kaj ankaŭ al tio ke ĝi suvereniĝis nur en 2002. En decembro 1975 Indonezio invadis kaj aneksis Orientan Timoron kaj restis ĝia okupanto ĝis 1999. Tial ankoraŭ nun

plenkreskuloj komprenas la indonezian tie, do mi povis facile komuniki kun ili (kvankam unu persono preferis la anglan pro malbonaj memoroj pri la indonezianoj). Sed mi neniam antaŭe estis tie kaj konis neniun. En Indonezio mi kutime uzis *Couchsurfing.org* por trovi interesitojn, sed en Orienta Timoro tiu gastiga reto havas malmulte da membroj kaj plejparto el ili estas eksterlandanoj. Kiel do komenci?

Mi alvenis la 18an de marto posttagmeze kaj devis atendi en la urbo mian gastiganton. Dum tiu atendado, mi parolis kun hotel-akceptistinoj, kiuj donis al mi plurajn nomojn kaj telefonnumerojn de homoj kiujn mi povus kontakti. Fine mi ne bezonis tiujn kontaktojn, ĉar mi trovis mem homojn kiuj volis lerni Esperanton kaj tio jam okupis min sufiĉe. Legu sube kiel....

La postan tagon mi iris al la oficejo de la nacia radio kaj petis intervjuon. Post sufiĉe longa babilado mi ricevis intervjuon, kiu okazis en la oficejo de la radio-prezentistoj. Oni registris la intervjuon por posttagmeza dissendo en la indonezilingva novaĵprogramo *Aktualitas*. Post la fino de la intervjuo kelkaj el la oficistoj starigis pliajn demandojn pri Esperanto kaj demandis kie ili povas lerni ĝin. Mi diris, ke mi disponeblas dum la tuta semajno, ke mi povas veni instrui, se estas almenaŭ grupeto kiu volas lerni. Ili decidis, ke mi povas veni ĉiutage de la 10a30 ĝis la 12a, ekde la sekva tago. Ne ĉiuj povis ĉeesti ĉiu-foje la tutan lecionon, ĉar iu ja devis prezenti la programojn dume, sed venis ĉiujn kvar fojojn ĉirkaŭ 12 homoj.

Post la intervjuo ĉe la radio mi iris al la oficejoj de gazetoj *Timor Post* kaj *Diário* kaj intervjuiĝis tie. Survoje al la tria gazeto mi renkontis la oficejon de la nacia junularkonsilio kaj pensis, ke tio povus esti bona loko por enkonduki Esperanton. Do mi eniris kaj la rezulto estis, ke mi du fojojn instruis tie. Dum mia libera tago mi konatiĝis kun studento de la portugala lingvo, kiu interesiĝis pri Esperanto. Li venis kun du el siaj amikoj al la dua leciono ĉe la junularkonsilio. Mouzinho, la direktoro de la tria gazeto,

*Independente*, persone interesiĝis pri lingvoj kaj pro tio ankaŭ pri Esperanto. Li aranĝis kunvenon por mi kun ses el liaj genevoj (studentoj, loĝantaj kun li dum sia studado en la ĉefurbo) kaj geamikoj en restoracio kaj tie mi donis enkondukan lecionon al ili. En mia dua 'labortago' mi iris al la kvara granda gazeto de la lando, *Suara Timor Lorosae*, kio signifas Voĉo de Orienta Timoro kaj estis intervjuita refoje.

Preskaŭ je la fino de mia restado, en dimanĉo, la 24an de marto, ni havis kunsidon cele al interkonatiĝo de miaj lernantoj de la diversaj lokoj. Dum tiu kunsido oni elektis kunordiganton. Lia nomo estas Nunu Saldanha kaj li estas sufiĉe konata en la urbo ,ĉar li estis antaŭe televidprezentisto, kaj nun radioprezentisto. Li kaj José, alia radioprezentisto, iris al la Indonezia Esperanto-kongreso. Ili do povis sperti la movadon kaj iom praktiki la ĵus lernetitan lingvon. Ili planas enmeti de tempo al tempo la temon Esperanto en la elsendoj de la radio.

Mi verkis pri tiu semajno en Orienta Timoro taglibroforman raporton, kiu ne nur temas pri Esperanto. Por legi ĝin kaj por spekti fotojn pri mia agado kaj pri la lando mem bv. konsulti la paĝon https://www.sites.google.com/site/esperantoenorientatimoro/instruvojaghoj/unua.

Por legi pli pri la artikoloj kiuj aperis, kaj elŝuti ilin, vizitu la paĝon
https://www.sites.google.com/site/esperantoenorientatimoro/en_la_amaskomunikiloj.
Legu pri mia agado en Malajzio kaj Indonezio ĉi tie: https://www.sites.google.com/site/esperantoenindonezio/instruado/marto-aprilo2013
kaj pri tiu en Timoro: https://www.sites.google.com/site/esperantoenorientatimoro/instruvojaghoj/unua
http://www.linguistic-rights.org/esperanto-125/
https://twitter.com/Heidi_Esperanto

## Ĉinio

## La somera kurso de Esperanto en Tiefo-monaĥejo

Ekde la 20a de julio okazas la somera kurso de Esperanto en Tiefo-monaĥejo. La kurso daŭras tri semajnojn. Ĝi estas kunaranĝita de la ĉina sekcio de ILEI kaj la Xi'an-a Esperanto-Asocio. 16 gekursanoj venis el Shandong, Jiangxi, Hunan, Hubei, Helongjiang, Hebei, Tianjin kaj Interna Mongolio. Plej granda parto de la kursanoj estas junaj universitatanoj. Jano, esperantisto el Usono, estas la ĉefgvidanto de la kurso. Oni uzas la lernolibron BEK-kurso. BEK estas mallongigo de Baza Esperanta Kursaro. La kurso celas paroligi la lernantojn en Esperanto.

Tiefo-monaĥejo situas okcidente de la urbo Xi'an. Okazis multfoje Esperanto-kursoj en tiu ĉi monaĥejo. En la monaĥejo loĝas monaĥo nomata Miaohui, kiu flue parolas Esperanton. Li ofte organizas Esperanto-kursojn kaj instruas Esperanton en la monaĥejo. La abato de la monaĥejo multe subtenas niajn Esperanto-agadojn. La monaĥejo jam akceptis esperantistojn el Francio, Koreio, Belgio, Svislando, Svedio, Rusio, Italio, Pollando, Mongolio, Barato, Brazilo, Germanio kaj aliaj landoj.
La originalo kun fotoj:

http://www.espero.com.cn/2013-07/22/content_29494761.htm
chielismo@hotmail.com

## La 7a Jarkunveno de ĉinaj E-komercistoj – IKEF-Ĉina 2013

Dato: 1a - 3a de Nov. 2013 en Suzhou apud Shanghai
Kontakto: chielismo@yahoo.com.cn http://www.ikef.org

## Novjara preĝo por la monda paco

Dato: la 31a de decembro 2013 – 1 Jan. 2014 en ĉina budhisma monaĥejo Tiefo

Loko: monaĥejo Tiefo 80km okcidente de Siano (Xi'an) mondfama pro la terkotaj militistoj kaj ĉevaloj.

Kontakto: librochina@gmail.com Ret: miaohui@wo.com.cn
s-ro Chielismo WANG Tianyi
prezidanto de Xi'an-a Esperanto-Asocio
Adr. B510, 4# Bld, Str. Torch, CN-710043 Xi'an, China
Ret: chielismo@hotmail.com
Tel/Fks:+86-29-82622952 Mobil: +86-1500 9245 863

# La 5a Junulara Seminario en Harbino sukcesis




Okazis sukcese la 5a Junulara Seminario de Esperanto en Harbino la 11a-12an de majo en la Feria Vilaĝo Fudong de la urbo. Pli ol 50 esperantistoj ĉeestis la ĉi-fojan JS.

Matti Lahtinen el Finnlando prelegis kun la titolo "Esperanto kaj amikeco". Li parolis pri sia persona historio kontakti kun diverslandaj esperantistoj pere de Esperanto. Sekve s-ano Gennadij Ŝlepĉenko el la rusa urbo Vladivostoko prelegis kun la titolo "La unua rusa traduko de la verko de Laozi 'Dao De Jing'", kaj precipe prezentis laŭdojn al la filozofiaj pensoj de Laozi kaj tiuj de Lev Tolstoj, granda verkisto de Rusio. Poste okazis la konkurso de la

parolado en Esperanto pri la seminaria temo "Esperanto kaj amikeco". Vespere okazis amuzaj programeroj. Gesamideanoj kantis, dancis kaj distriĝis.

Antaŭtagmeze de la 12-a de majo (dimanĉo) ĉiuj ĉeestantoj distriĝis per diversaj aktivecoj kiel pilkoludado kaj naĝado en la Feria Vilaĝo, kaj tagmeze revenis en la urbon Harbino. Dum la tagmeza festeno ĉiuj tostis por la amikeco inter esperantistoj, kaj esprimis deziron, ke ĉiuj revidu unu la alian en majo venontjare.

# Invito al Esperanto-Sumoo

HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>

Sumoo estas japana tradicia lukto. Ĉiun jaron okazas 6 konkursoj en neparaj monatoj: januaro, marto, majo, julio, septembro kaj novembro. Unu konkurso daŭros 15 tagojn. Mi inventis Esperanto-sumoo-n. Ĉu vi ne partoprenos en ĝi?

**1. Celo:** Kutimigi esperantistojn legi libron kun ĝojo.

**2. Luktmaniero:**

1) Elektu libron, kiun vi legos dum tiu konkurso kaj decidu kiom da paĝoj vi legos por unu tago laŭ via kapablo.

2) Se vi legas pli ol promesitaj paĝoj ĝis la noktomezo de tiu tago, vi akiros unu venkon, se ne, unu malvenkon. Tiamaniere vi luktas kun la libro dum 15 tagoj. Vi ne luktas kontraŭ aliaj luktistoj, sed kontraŭ vi mem.

**3. Aliĝo:**

Sendu jenajn informojn al HORI Jasuo: hori-zonto@water.sannet.ne.jp

1) Via nomo, luktista nomo, sekso, lando, urbo, retadreso

2) Titolo de la libro, kiun vi legos, kaj kiom da paĝoj vi legos

**4. Septembra sumoo**

Septembra sumoo okazos ekde la 15a ĝis la 29a de septembro.

**Vizitu nian TTT-ejon por pli detale scii pri Esperanto-sumoo:**
http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/index.html

## Esperanto-eventoj ===

10.12 ~ 15 La 100a Japana E-Kongreso / Tokio, Japanio
10.19 ~ 20 La 9a Kongreso de Federacio Esperanto de Barato / Hajderabado, Barato
10.19 ~ 20 La 77-a Hokkajda Kongreso de Esperanto / Sapporo, Japanio
10.26 ~ 27 La 45a Korea Kongreso de E / Incheon, Koreio
10.26 ~ 27 La 54a Toohoku-E-Kongreso / Jamagata, Japanio
11.09 ~ 10 La 14a Ĉuugoku-Ŝikoku-E-Kongreso / Hiroŝima, Japanio
12.06 ~ 08 La 1a Srilanka Esperanto-Kongreso / Kolombo, Srilanko

**2014**

2.25 ~ 3.1 La 2a Sud-Azia Seminario / Lahor, Pakistano
4.05 ~ 10 La 7a Mezorienta Kunveno / Tbilisi, Kartvelujo
7.26 ~ 8.02 La 99a Universala Kongreso de Esperanto / Bonaero, Argentino

## Novaj KAEM-anoj

**Ĉinio:** Wang Ruixiang 13436481089@163.com; wrxzj@tom.com
Prezidanto, Projekto A (Preparado de la 8-a Azia Kongreso en Ĉinio)

**Japanio:** Inumaru Fumio inumaru-f@nifty.com
Vicprezidanto, Projekto C (Membriĝo), Subteno al Indonezio, Filipinoj, Ekspedo de la revuo (“Esperanto en Azio”)

**Mongolio:** Chimedtseren Enkhee enchjo@yahoo.com
Vicprezidanto, Ĝeneralsekretario (pri subvencio kaj elspezo el buĝeto), Reviziisto de KAEM-buĝeto, Interrilato kun direktoro de UEA

**Hindio (Barato):** Giridhar RAO agiridhar.rao@gmail.com
Interrilato kun UEA (Raportoj al UEA pri KAEM-agado), Subteno al Srilanko

**Irano:** Omid Rohanian omid.rohanian@gmail.com
Subteno al najbaraj landoj de Irano (Arabaj Landoj)

**Nepalo:** Mukunda Raj Pathik mpathik@gmail.com
Organizo de SAS (Sud-Azia Seminario), Projekto Ĉ (Edukado)

**Vjetnamio:** Le Thi Thien Thu lethienthu.esper@gmail.com
Subteno al Sud-Orientaj landoj (Laoso, Kamboĝo, Tajlando, Malajzio)

**Pakistano:** Zubair Muhammad zurnab_pk@yahoo.co.in
Subteno al najbaraj landoj (Bangladeŝo, Afganio), Organizo de SAS
**Taĝikio:** Firdaus Shukurov komintel@yandex.ru
Interrilato kun Centr-aziaj landoj (Kazaĥio, Uzbekio, Kirgizio, Azerbajĝano, Turkio kaj Rusio)
**Koreio:** Kim Hiongun nomota@mobigen.com
Projekto D (Publikado kaj sendado de lernolibroj, lerniloj de Esperanto)
**Israelo:** Eran Vodevoz evodevoz@yahoo.com
Projekto B, Interrilato kun eŭropaj kaj afrikaj landoj, nord- kaj sud-Amerikoj

**Honoraj prezidantoj**
Puramo CHONG (Koreio)
Hori Jasuo (Japanio) hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Kompilado de la revuo "Esperanto en Azio", Projekto C (Membriĝo al UEA)
Lee Jung-kee (Koreio) esperanto@saluton.net
Konsilanto pri interrilato de aziaj landoj
Sasaki Teruhiro (Japanio) steruhiro@hotmail.com.co.jp
Helpanto de la estraranoj de KAEM

.........................................................................


# Esperanto en Azio
Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Reta adreso de KAEM (sendu viajn mesaĝojn al KAEM ĉi suben):
<azia-komisiono-de-uea-kaem@yahoogroups.com>
TTT-ejo de KAEM: http://www.esperantoazia.net/
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0825 Gunma-ken Maebaŝi-ŝi Ootone 2-13-3